XXXIII-a Jaro — N-ro 436 — 10 Februaro 1937

# ESPERANTO

Internacia Gazeto eldonata de la Universala Esperanto-Asocio

# Kiel pensas kaj sentas la samideanoj pri UEA ?

## LA VOĈO DE L'POPOLO

La Provizora Komitato de Universala Esperanto Asocio estas ĝoje surprizita kiom da gratulleteroj kaj proponoj, opinioj ktp. alvenis favore de UEA. El ĉiuj ni povas konstati, ke oni ĉie vigle laboras por UEA kaj ke ĉie regas la opinio ke la ĝeneva asocio denove fariĝu tion kion ĝi estis antaŭ Kolonjo kaj Stokholmo, nome organizo de unuopaj membroj.

El la granda aro da leteroj ni citu kelkajn el la plej interesaj :

*M.C.C. Portugalujo.*

« Mi deziras elkore, ke via inda tasko bone sukcesu kaj ke la laboro granda kiun vi surmetas sur viajn ŝultrojn povu savi la preskaŭ mortigitan UEA, ĝin porti al bona haveno. Kiel sincera, varma Esperantisto mi ne povas forgesi, deziri al nia paca asocio la plej korajn bondezirojn.

*I.R.G.I. Holando* (el letero al IEL).

« La antaŭa UEA, la kreaĵo de Hodler, ĉiam havis mian grandan simpation kaj... mi tre bedaŭras ĝian transformiĝon en federacion de Naciaj Societoj... Se vi postulas de mi, ke mi eksiĝu el tiu UEA... mi devas diri, ke mi ne povas fari tion : mi rigardus tion kiel perfidon al la Asocio, al kiu mi ĉiam estis fidela kaj kun kiu mi volas resti solidara eĉ dum ĝia pereo.

*K.R.T. Estlando*

« Bonvolu akcepti sincerajn bondezirojn de malnova esperantisto okaze de kuraĝa enlevo de la standardo de idea esperantismo en la batalado kun generalismo kaj surfaco-oportuneco.

*P.B. M. S. Anglujo*

« Kial krei novan gazeton kaj novajn delegitojn ? Mi timas, ke la tuta afero estos nur perdo de mono kaj fiasko ».

*E.E. B.B. NW. Anglujo*

« UEA laboru *nur* por la *Zamenhofa idealo* kaj sen naciaj societoj, kulturante homarajn emociojn per homara literaturo, helpante nespertulojn pensi klare pri malfacilaj diskutindaj homaraj problemoj ».

*R.M.D. Francujo*

« ... mi devas konfesi al vi ke mi ne aprobas la agadmanieron de IEL...

« Mi rimarkas ke la militistoj tre malhelpis nian aferon kaj ke la agado de la estroj kaj SFPE estis diktatorecaj...

*C. R C. Francujo*

« Tutkore kun vi. Dezirinde estas, ke vi sukcesu kaj ke UEA venku, dank' al viaj penoj, la malfacilaĵojn. Mi sendos morgaŭ al... mian kotizon... »

*C. N. P. Francujo*

« ... mi restas fidela al UEA same kiel mi ĉiam estis...

*A.W.T.-B. Anglujo* (el letero al BEA).

« Nia UEA, baptobenita de Zamenhof mem, kaj pene konstruita dum 28 jaroj da fidela, sindona laboro, estis kaj estas la ĉefurbo en Esperantujo, prave lokita en la plej neŭtrala kaj nesuspektebla lando en Eŭropo. — Ĝi suferis pro la sama malsano kiel BEA kaj aliaj asocioj.... Sed tiom longe ke UEA ekzistas, mi juĝas ke mi devas resti fidela al ĝi; se ĝi malaperus mi restus privata esperantisto.

En Britujo la reĝo devas esti superpartia, kaj ĉiu rekonas kaj respektas la taŭgecon de tiu tradicio. Same en Esperantujo, UEA devas esti supernacia, kaj egale ĉies proprajo. Por ĉiu esperantisto al la homaranaj idealoj de Zamenhof, UEA estas sankta simbolo ; ĝi estas netuŝebla rendevuo por samlingvanoj el ĉiu ajn nuanco de kredo nacia, politika, religia aŭ profesia kaj Svisujo estas ĝia natura hejmo, eĉ se nur en ligna dometo inter la montoj. Mi kredas ke la plimulto el la Delegitoj, kies opinion vi klinigis per la apenaŭ deca rapido de via kaptema politiko, konsentos post taŭga pripenso ke la devo de ĉiu vera internaciano estas oferi ĉion eblan por daŭrigi la valoran rolon de UEA en la kadro kiun li mem, kaj iliaj pioniroj antaŭuloj, konstruis per tiom da laboro.

Se vi havas ian instinkton pri justeco kaj la kuraĝon kompreni al viaj membroj ambaŭ flankojn de la demando, mi invitas al vi ke vi presigu ĉi tiun leteron en British Esperantist, kune kun, (se vi volas) viaj komentoj. Mi mem sendas kopion al UEA, por informi ilin ke ili ankoraŭ havas almenaŭ unu Delegiton en Britujo...

*I.C.D.H. L. Anglujo*

« Ĉar mi ne estas agrabla (favora ?) por la sidejo je Londono (kio estas la plej multekosta kaj imperiema urbego en la mondo) kaj ĉar mi mem estas nenaciema, mi bonvole oferas miajn servojn kiel delegito por unu aŭ ĉiuj partoj de Londono...

*W.Pf. L. Pollando*

« Estante de tiom da jaroj sur la UEA-posteno mi scias taksi la valoron de tia organizo.

*F. M. B. Francujo*

Mi sciigas vin ke mi restas fidela al UEA kaj mi pagos mian kotizon tuj... mi ne aprobas parizanojn...

*J. K. L. Germanlando*

« ... gratulas vin okaze de la kuraĝa kaj persista procedo rilate al la mastroj de UEA depost Stockholm. La Esperantistaro certe ekspiras, same kiel mi, leginte vian tiom klaran elmontron de la situacio ĝisnuna, ĉar tiel, kiel s-ro Bastien agadis, tiel ne povis daŭri, se ne la tuta movado devus perei por ĉiam. Vi faris bonan servon al la E-movado, kiun ĉiu E-isto devos danki al vi, ne nur per vortoj, sed laŭ ebleco lia per agoj kaj konstanta subteno. Mi ne dubas ke vi ricevos multajn leterojn, kiuj esprimas konsenton al viaj informoj kaj promeson por estonta kunlaborado. Mi esperas, ke multaj el la malnovaj kunlaborantoj sin tuj denove metas al la servo de UEA kaj daŭrigas siajn funkciojn. Kaj mi atendas, ke vidante tiun konsenton de multegaj el la malnovaj anoj kaj delegitoj, spertante jam subtenon ne nur moralan, sed ankaŭ materian, nia altestimata kara honora Prezidanto s-ro Stettler ne rifuzos repreni la aktivan Prezidantecon de UEA kaj ĝin gvidi denove en sia klarvida, celkonscia maniero. Kaj mi krome esperas, ke s-ro Hans Jakob tuj denove ekprenos la trenantajn kondukilojn de la veturilo de UEA kaj sukcesos, en sia ideoriĉa, lerta kaj elprovita labormetodo arigi jam por la jaro 1937 ree nombron da anoj aktivaj en la UEA, kiu sufiĉas, ke UEA kvankam modesta, tamen laborkapabla estu ree la UEA, kiu dum 25 jaroj signifis la plej valoran aktiv-postenon en la bilanco de Esperantujo. Bedaŭrinde mi ne havas nun la eblecon, aktive partopreni en la movada laboro. Mi petas vin, akcepti de mi la bonan volon por la ago, kaj kredi, ke mi kun ĉiam nova intereso observos la vojon de la malnova, sed nun nova UEA, kiu vivu, kresku kaj floru !

*Belga Esperantisto*

... Kaj se, post kelkaj monatoj, la situacio reklariĝas, ni estos la unuaj por instigi al la reedziĝo, al la repreno de la malnova nomo.

*V. S. H. Finnland*

« ... mi plene aprobas la fondiĝon de la provizora komitato kaj volas laŭ miaj malgrandaj fortoj subteni vin por savi la ekziston de la malnova UEA. Vi eble scias, ke jam en Stockholmo mi penis uzi miajn fortojn per pluraj parolvicoj kontraŭ la « palaca revolucio » — kompreneble sen rezulto. Mi kiel multaj aliaj malnovaj membroj de UEA aliĝis siatempe pro la Zamenhofaj principoj, kiujn UEA subtenadis, kaj kiujn la gvidantoj de la « grandaj naciaj societoj » volis ekstermi. Eble la lastaj okazintaĵoj restarigos UEA sur tiuj principoj — tion promesas via cirkulerletero, kaj tio devas esti la celo de la klopodoj de la malnovaj membroj kaj komitatanoj de UEA kaj de ĉiu esperantisto, al kiu la ekzisto de supernacia esperantista organizaĵo estas kara.

... Mi volas jam nun atentigi pri tio, ke la malkresko de UEA membraro en nia lando dum la lastaj du jaroj ĉefe dependas de tio, ke la Kreuz-komitato fiksis al nia lando tro altan kotizon sen ia interkonsento kun ni, eĉ ignorante pri nia ekzisto.

*A. M. B. — Francujo*

« Mi estas konvinkita ke, se vi serioze pensas pri la pasinto, ek de la kreiĝo de UEA, kaj pri ĉiuj klopodoj de la naciemuloj, speciale de la Parizanoj, malhelpi internacian kaj sendependan direktadon, vi fine povos restarigi la Asocion tian, kian ni volis ĝin, dekomence, kun nia amiko Hodler kaj Zamenhof :

« Reveni tute simple al la volo de Zamenhof ; de Ménil konfesis al mi, ke li devis ĉesigi aperon de sia *Jarlibro*, laŭ ordono de la Pariza Grupo, ĉar la esperantistoj, povante per ĝi interkorespondadi, la Francoj perdis la direktadon de la movado.

*J. T. R. Holando*

« La esperantista popolo ne bezonas ESTROJN, kiuj de siaj altaj tronoj dekretas ĉu al samideanoj, grupoj aŭ societoj jes aŭ ne estas permesataj, plenrajte partopreni al la internaciaj organizoj ĝi bezonas GVIDANTOJN kies tasko ne estas ESTRI, sed SERVI, kiuj produktas alcentrigan forton por pozitiva laboro, kiuj ne misuzas tempon kaj forton elpensante rimedojn por forigi aŭ fortedi samideanojn, grupojn aŭ societojn el la internacia organizo, sed kiuj kontraŭe klopodas doni al *ĉiuj* plenrajtan lokon, por ke la tuta esperantistaro formiĝu egalcelanta armeo.

Ni forte rekomendas aliĝi kiel aktivaj aŭ subtenantaj membroj al UEA en Genève, la fondaĵo de Hodler, kiu pli ol iam bezonas nian subtenon.

*Dr. J. M. L. Pollando*

« Mi ĝojas ke inter svisaj esperantistoj troviĝis kuraĝaj kaj saĝaj batalantoj, ĉar tuta via agad-maniero kaj metodo, bone sur jura fundamento apogita kaj trankvile, objektive, kvankam decide gvidita, donis enfine plenan formalan venkon. En tiu reflekso aspekto de eksiĝintaj estraranoj estas pli ol mizera. Via unua komuniko estis redaktita kun same karakterizaj ecoj de trankvilo, objektiveco kaj baziĝo sur ĝusta materialo, do ensume ĝi faris plej bonan impreson kaj mi supozas, ke ĝi konvinkis ĉiun penseman, senpartian esperantiston, kiu havis paciencon tralegi tutajon. Interese aspektos laŭ jura vidpunkto la leĝa procedo kontraŭ materialaj kaj moralaj perdoj kaŭzitaj per agado de estraranoj. Laŭ ĝisnuno mi sentas, ke ankaŭ tiun flankon de l'afero vi bone kaj akurate prizorgos, por ke ekzistu bona instruo al niaj ruzuloj. Mi imagas vian nuntempe tre malfacilan laborsituacion sed mi plene esperas, ke baldaŭ afero pliboniĝos, kaj UEA ekmarŝos per firma paŝo.

Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : I, Tour de l'Ile, Genève, Svislando

*I. M. Ch. L. Pollando*

... mia konkreta propono : la likvido de l'situacio estu aranĝita ne en maniero plebiscita, en kiu dibočadus diversaj metodoj, uzanta kaj multekosta propagando, sed per simpla Arbitracia Konferenco urĝe kunvokita de UEA kaj IEL plej malfrue ĝis Pasko de 1937.

*S. K. B. Hungario*

«... permesu al mi mian fortan malaprobon kontraŭ la senpripensa decido kaj la tion sekvinta ago de l'estintaj estroj.

Ankaŭ laŭ mia modesta opinio kaj laŭ la speco de nia movado la natura centro de nia Universala Asocio devas esti en neŭtrala lando, sekve en Svisujo.

Mi esperas ke post via klariga cirkulero ĉiu konscienca membro, delegito kaj komitatano restas fidela al nia Ĝeneva UEA...

En tiu ĉi translokiga afero mi vidas (eble mi eraras kaj estus tiom pli bone) ankaŭ la helpan manon de s-ro Jung. Li atingis lian celon, nome : Heroldo de Esperanto fariĝis oficiala organo de la Ligo. Ĉi tio estis vivdemando de Heroldo.

... Ni prudentaj subuloj de l'Ĝeneva UEA devas resti fidelaj al la UEA de H. Hodler.

Sekve, mi malgranda, en si mem sensignifa punkto en la relativa granda Esperanto-movado deklaras mian modestan helpon kaj mian ne ŝanceleblan fidelon al la Ĝeneva UEA kaj ĉi tion mi esperas de ĉiu konscienca samideano.

*C.R.N. Francujo*

« Kiel malnova UEA ano Mi multe suferis pri la agado de s-ro Generalo Bastien...

Denove nia antaŭa UEA progresos sub la vera signo de la Zamenhofa spirito.

*A. B. V. Danmarko*

« UEA devas esti internacia-*supernacia*, sed ni, kiuj kolektiĝas en la ĉicela, novnaskita UEA taksas la naciecon pozitive kaj tiel diferencas de SAT, kiu ĝin taksas negative... UEA devas esti renaskata laŭ demokrata libera maniero, ĉar tiu estas la plej alta formo de kultura socivivo.

*P. H. V. Jugoslavio*

« Mi esperas, ke la literbatalo ĉesos kaj UEA kun IEL formos unu solan organizon, ĉu dividos interkonsente inter la du literasocioj la laboron tiel, ke la tutmonda esperantistaro havu denove unu solan gvidantaron.

## Por la defendo de UEA

**Granda Militiro de la I.E.D. Varsovio**

Jaŭde la 21-an de januaro okasis en la loĝejo de E. R. « Konkordo » referajo de Edvardo Wiesenfeld. L.K., la unua el la ciklo de l'diskut-vespero, organizataj de I.E.D. (Intersocieta Esperanto-Delegitaro) en ĉiuj varsoviaj esp. societoj, sub temo : Ĉu UEA ĉu IEL ?

La vesperon partoprenis kaj vigle interdiskutadis esperan-tistoj el ĈIUJ varsoviaj societoj kaj sekcioj esp. La diskutado, post la referajo, daŭris pli ol horon kaj estis treege interesa. La ĉeestantaro plene el-ĉerpis la temon — laŭ ĉiuj flankoj — kaj post kiam la publiko jam estis plene elĉerpinta ĉiujn argumentojn por kaj kontraŭ estis akceptita (sen kontraŭvoĉo !) la jena

**Rezolucio**

*Ni, Esperantistoj, — ĉeestantaj la referajon de Edvardo Wiesenfeld, L.K., organizitan de la Varsovia I.E.D. ((Intersocieta E-Delegitaro) en la salono de l'E.R. « Konkordo » jaŭde la 21-an de jan. 1937 — Esperantistoj apartenantaj al ĈIUJ varsoviaj sekcioj kaj rondoj esp. (Konkordo, VES, Vitraj Domoj, PEA, Akademianoj, Praga, Step, kaj eĉ IEL) konstatas, ke*

*UEA estas organizaĵo, meritante plene la fidon de la esperantista mondo, kaj tiu organizaĵo devas resti, vivi kaj flori, ni tial rezolucias*

*plene subteni UEA kaj morale kaj materiale, varbadi por ĝi membrojn kaj pledi ke ĝi bone disvolviĝu.*

La publiko — multege kontenta pro la vespero — esprimis la deziron ke I.E.D. ripetu tiajn diskutvesperojn en diversaj aliaj societoj kaj kvartaloj de nia urbo.

Konsekvence de tio estis decidita la venonta referajo en V.E.S. marde 26.I.37.

Ankaŭ « Vitraj Domoj » jam invitis la preleganton por aŭdigi ankaŭ ĉe ili la referajon.

Ĉar la temo estas tre aktuala, precipe en Varsovio, ni esperas ke tiaj vesperoj okazados pli ofte.

La Varsovia I.E.D. (Intersocieta Esper.-Delegitaro en Varsovio alvokas ĉiujn aliajn urbojn pri aranĝo de tiaj informaj kaj diskutaj vesperoj. Ĉar... la leona parto de la Esperantistaro — precipe tiu nesocieta — absolute ne orientas sin ne nur en la situacio, sed eĉ en la signifo de la inicialoj.

*Presa Servo de I.E.D. en Varsovio.*

## Kiel spritulo prezentas la problemon

**KOMPARU KAJ ELEKTU**




## Lerneja Korespondado

La Bundesrealschule, Wien XV, Henriettenplatz (Aŭstrio) deziras interrilatigi mezlernejanojn per franca korespondado kun Francujo.

Se vi sendas el via lando 100-150 diversajn bele apartigitajn senmankajn poŝtmarkojn, mi sendas saman kvanton A. Serényi, Zalaegerszeg, Hungarujo.

Fresnes-Nord (Francio) ĉiuaĝaj kaj ĉiuprofesiaj novaj anoj de la Esperantista Grupo (Mairie) deziras korespondi P.I. L. (nepre respondos).

# 29-a Universala Kongreso de Esperanto

## La Jubilea Kongreso

**Varsovio (Warszawa) 7-15a de Aŭg. 1937**

**Oficiala komuniko 4 (dua parto)**

*Manĝado.* — Manĝado en Polujo estas malkara. Por orientiĝo ni prezentas prezojn en meze bona restoracio :

Matenmanĝo (kafo aŭ teo, ovoj, buterpano) ; angl. ŝil. 1.— ;

Tagmanĝo : angl. ŝil. 11 ĝis angl. ŝil 2.— ;

Vespermanĝo : angl. ŝil. 1 ĝis angl. ŝil. 1 penc. 6.

Oni povas tamen bone manĝi por angl. ŝil. 2½ tage.

Ĉiuj prezoj en hoteloj kaj restoracioj estas en Polujo sen iaj alpagoj, trinkmono ĉiam enkalkulita.

LKK klopodos organizi tre malkaran manĝejon en la Kongresejo mem.

*Literaturo.* — Gvidanto : Juljan Tuwim.

Oni projektas aranĝi literaturan konkurson, eldonon de « Ora Libro de Esperanto », Pola Antologio ktp.

*Grafiko kaj Dekoracio.* — Gvidantoj : Waclaw Falkowski, artisto-grafiko, kaj Jakob Wizenberg, inĝeniero-arĥitekto. Baldaŭ aperos jubilea glumarko.

*Teatro.* — Gvidanto : Feliks Falkowski, dram-artisto.

La distra parto de *La Jubilea* estas jam preparata. Dum kongresa koncerto pianludos nia eminenta s-ano la konata Chopin-interpretisto, Imre Ungar el Budapest. Dum Interkonatiĝa Vespero estos prezentata literatura esperanta kabaredo. En tiu Sekcio kunlaboras Jean Forge.

*Kurso.* — Gvidanto : Borys Strelczyk.

Amasaj kursoj komenciĝas en februaro. Estas kontraktita konata Ĉe-instruisto Tiberio Morariu.

*Fakaj Kongresoj kaj Kunsidoj* — Gvidantoj : Eugenjusz Rytenberg kaj Jan Zawada.

Ĝis nun anoncis siajn fakajn kongresojn :

1) *Uabo.* — Organiziĝis LKK de Blindula Kongreso konsistanta el : Bronislaw Wyszynski, majoro Edwin Wagner, parlamentano, Edward Zawadzki, direktoro de Ŝtata Blindul-Instituto en Varsovio, kapitano Jan Silhan, prezidanto de UABO, kaj Eugenjusz Rytenberg. S-ro dir. Zawadzki disponigis tute senpage al blindaj kongresanoj la domegon kaj internaton de la Instituto. Adreso de la sekretario: Jan Silhan, Lwów, str. prof. Ptaŝnika 45.

2) *Tage.* — Dum *La Jubilea* okazos same kongreso de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj. Informas s-ro d-ro Bj. Beckman, Konstapelsgatan 19, Karlskrona, Svedujo.

3) *Teka.* — La prezidanto de *Teka* d-ro Wilhelm Róbin direktis al ĉiuj s-anoj medicinistoj alvokon pri tiu kongreso. Estas fondita speciala porkongresa *Teka*-sekcio, konsistanta el gravaj kuracistoj kaj profesoroj. Sekretario estas d-ro Mieczyslaw Zamenhof, Varsovio, str. Senatorska 36.

4) *Kooperativa.* — Estas projektata fondo de Internacia Oficejo por kooperativaj problemoj. La Kooperativa Asocio de Polujo akceptis protekton kaj organizon de tiu ĉi kongreso.

Oni klopodas organizi kongresojn de : katolikaj esperantistoj, profesiaj jurnalistoj, UDEV k.a.

Estraroj de aliaj fakaj Esperanto-Organizaĵoj estas insiste petataj interrilati tuj kun nia Sekcio.

*Sporto.* — Gvidanto : Tadeusz Mayzner.

Tiu Sekcio dependas de sufiĉa partopreno de sportantaj samideanoj. Respondis ĝis nun nur Svedoj kaj Rumanoj. La polaj sportaj instancoj promesis ĉiun helpon kaj disponigon de necesaj sportejoj. Estos vizitata, la Centra Sport-eduk-Instituto, unu el plej bone aranĝitaj en Europo.

*Jubileaj Aranĝoj kaj Ekspozicio.*

Solenaĵoj ĉe la tomboj de Majstro kaj Grabowski. Festo de Veteranoj kaj Jubilea Ekspozicio estos aranĝitaj de tiu ĉi Sekcio. Ĉiuj landaj organizaĵoj, grupoj kaj izolaj s-anoj, kiuj posedas interesajn kaj propagand-signifajn ekspoziciaĵojn, bonvolu ilin prunti al ni. Ĉiu sendaĵo estos kvitancita kaj resendita post la Kongreso. La liston de la alsendota materialo bonvolu havigi al ni en 3 kopioj.

*Karavanoj.*

Estas aranĝataj karavanoj el preskaŭ ĉiuj landoj pere de Landaj Asocioj, turismaj organizaĵoj k.a. Anonciĝis ĝis nun :

1) Brita Esperanto-Asocio, adr. : 142 High Holborn, London W.C.I.

2) Esperanto-Asocio en Ĉeĥoslovaka Respubliko, adr. Robert Bloch, Praha, Smichov 106.

3) Estona Esperanto-Asocio, adr. Helmi Dresen, poŝtk. 6, Tallinn.

4) Societo Franca por la Propagando de Esperanto, adr. 34 rue de Chabrol, Paris-X.

5) Ges-anoj Borel, Lyon I, 1, Quai Claude-Bernard.

6) Hungara Esperanto-Federacio, adr. : Sári S. John, Budapest. VI., Vilmos cs. ut 35.

7) Itala Esperanto-Centro, adr Galeria V. Emanuele 92, Milano.

8) Nederlanda Esperanto-Asocio « La Estonto Estas Nia », adr. Linnaeusparkweg 100, Amsterdam-O.

9) Norvega Esperantista Ligo, adr. P.K. 942, Oslo.

10) Esperanta Turista Komisiono, Drottninggatan 18, Stockholm.

*Honora Stelo.* — Interkonsente kun Centraj Organizaĵoj Esperantistaj estas projektata de LKK. Jubilea Stelo. Ĝi estos dugrada : 1) veterana ora por gesamideanoj, kiuj aliĝis al la movado dum la unua jardeko de ekzistado de Esperanto : 1887-1896, 2) pionira arĝenta por ges-anoj el la periodo 1897-1912 Regularo kaj detaloj sekvos.

*Garantia Fondo .* — Nia *Jubilea* havos pro sia speciala karaktero multajn eksterordinarajn elspezojn. Ni tial turnas nin al vi estimataj gesamideanoj, kun varma peto aliĝi kiel eble plej baldaŭ kaj laŭpove partopreni en la Garantia Fondo, estanta sub la kontrolo de Pollanda Esperanto-Delegitaro en Kraków. Ĉiu paginto al Garantia Fondo ricevos obligacion, repagotan laŭ bilanco, fermota la 1.1.1938.

*Peto.* — Ni varme petas esperantajn redakciojn kaj samideanojn alsendadi al ni konstante ĉiujn gazetojn aŭ gazeteltranĉaĵojn, koncernantaj la kongreson mem kaj Polujon.

Por ĉiu korespondaĵo bonvolu aldoni respondkuponon, respektive — enlande — poŝtmarkon.

**La unua listo de Kongresanoj**

1. Popper Hugo, komercisto, Böhmisch Kamnitz, ĈSR.
2. Saget Georges, direktoro-ĥemiisto, Elbeuf (Seine Inf.),
3. Justesen Peter Theodor, kuracisto, Fannerup per Kolind, Danlando.
4. Kyftenbelt R.W.F., emerita pastro, Utrecht, Nederlando.
5. Malmanche Leopold Adrien, farmaciisto, Rueil-Malmaison, Franclando.
6. Bujwid Odo, profesoro, Kraków, Polujo.
7. Dupuis Marcel-Daniel, inĝeniero, Paris, Franclando.
8. De Rycke Marguerite, instruistino, Gand, Belgujo.
9. Mason Lewis, Leicester, Anglujo.
10. Bloemendal Sophia Willemina, f-ino, Lochem, Nederland.
11. Fetterode Johanna Jacoba, Maria, f-ino, Lochem, Ned.
12. Offerhaus Aleida, Gezina, f-ino, Lochem, Nederlando.
13. Petit Pierre, ŝipkonstrua redaktoro, Rosny-sous-Bois, Fr.
14. Mooij Pieter, Hendrik, matematika instruisto, Den Haag,
15. Steiner Hugo, kortega konsilanto, Wien, Aŭstrio.
16. Bloemendal-Wisse Elisabeth, dentkuracistino, Deventer,
17. Bloemendal Arnold, dentkuracisto, Deventer, Neder.
18. Holmes Henry W., statofficisto, London, Anglujo.
19. Holmes Nora, s-ino, London.
20. Poly Pierre, fervojisto, Paris, Franclando.
21. Chapellier Jean-René, fervoja desegnisto, Auboué, Franclando.
22. Wooding Noel, industriisto, Leicester, Anglujo.
23. Rotondo Giovanni, kanoniko-profesoro, Bari, Italujo.
24. Weinstein Halina, Jurnalistino, Warszawa, Polujo.

25. Rytenberg Eugenjusz, tekn. fabrikgvidanto, Warszawa.
26. Rytenberg Emilja, dentkuracistino, Warszawa, Polujo.
27. Róbin, Wilhelm, kuracisto, Warszawa, Polujo.
28. Bloch Robert, ŝtatoficisto, Praha, ČSR.
29. Lubliner Stefan, redaktoro, Warszawa, Polujo.
30. Belmont, Leo, literaturisto kaj advokato, Warszawa.
31. Malek Stanislaw, ŝtatoficisto, Lódz, Polujo.
32. Ungar Imre, pianludisto, Budapest, Hungarujo.
33. Ungar Ilona, s-ino, Budapest.
34. Walder Otto, mekanikisto, Bern, Svislando.
35. Hartman Aleksander, urboficisto, Warszawa, Polujo.
36. Wojciechowska Helena, oficistino, Warszawa, Polujo.
37. Bugajski Edward, oficisto, Warszawa, Polujo.
38. Bloch Estera, s-ino, Praha, ČSR.
39. Kames Jr. G. H., s', Gravenhage, Nederlando.
40. Koch Anatol, termezuristo, Luck, Polujo.
41. Jermolajew Mikolaj, inĝeniero, Luck, Polujo.
42. Beckman Bjarne, gimnazia profesoro, Karlskrona, Sveds.
43. Cohn Kazimierz, advokato, Warszawa, Polujo.
44. Wyszynski Bronislaw Bohdan, direktoro en Kabineto de Trafikministro, Warszawa.
45. Sokolowska Stanislawa oficistino, Warszawa, Polujo.
46. Koch Jurko, lernanto, Luck, Polujo.
47. Zamenhof Leokadja, s-ino, Warszawa, Polujo.
48. Zajaczkowski Kazimierz, ministeria konsilanto, Warszawa, Polujo.
49. Czubrynski Antoni, gimnazia profesoro, docento de Libera Pola Universitato, Wlochy apud Warszawa.
50. Szapiro Jakób, jurnalisto, Bialystock, Polujo.
51. Ender Janina, instruistino, Warszawa, Polujo.
52. Cense Eugenia, instruistino, Warszawa, Polujo.
53. Medrkiewicz Jan, kuracisto, Lublin, Polujo.
54. Loth Emilian, d-ro inĝeniero, Lodz, Polujo.
55. Weinsberg Regina, f-ino, Kraków, Polujo.
56. Sâri S. John, f-ino, Budapest, Hungarujo.
57. Zawada Jan, oficisto, Warszawa, Polujo.
58. Agourtine Léon, jurnalisto, Paris, Franclando.
59. Mihalik de Hernadszurdok József, profesoro, Budapest.
60. Jakob Hans, oficejestro, Genève, Svislando.
61. Jaraczewski Edmund, oficisto, Warszawa, Polujo.
62. Pikower Anna, dentkuracistino, Warszawa, Polujo.
63. Zamenhof Adam, kuracisto, Warszawa, Polujo.
64. Zamenhof Zofja, kuracistino, Warszawa, Polujo.
65. Zamenhof Wanda, kuracistino, Warszawa, Polujo.
66. Zamenhof Ludwik, lernanto, Warszawa, Polujo.
67. Hermelin-Sztencel Emilia, dentkuracistino, Warszawa.
68. Zamenhof Lidja, Lyon, Francujo.
69. Zamenhof Helena, s-ino, Warszawa, Polujo.
70. Klein Karol, d-ro instruisto, Lwów, Polujo.
71. Klein Natalia, instruistino, Lwów, Polujo.
72. Bastien Louis, intendantogeneralo, Paris, Francujo.
73. Kempeneers Paul, kuracisto, Bruxelles, Belgujo.
74. Oliver Arthur Charles, London, Anglujo.
75. Long Bernard, ŝtatoficisto, London, Anglujo.
76. Kamaryt St., profesoro, Bratislava, ČSR.
77. Goldsmith Cecil Charles, direktoro, Rickmansworth, Anglujo.
78. Goldsmith Eileen, f-ino, Rickmansworth, Anglujo.
79. Blaise Paul, komercisto, Morden, Surrey, Anglujo.
80. Canuto Giorgio, profesoro, kuracisto, Torino, Italujo.
81. Malmgren Ernst, instruisto, Stockholm, Svedlando.
82. Malmgren, s-ino, Stockholm, Svedlando.
83. Rollet de l'Isle, ĉefinĝenierohidrografo, Paris, Francujo.
84. Scholze G., profesoro, inĝen. Reichenberg-Liberec, ČSR.
85. Hansen K. Th., farmaciisto, København, Danlando.
86. Couteaux J., direktoro de malsanulejoj, Paris.
87. Dubois René, komerca, direktoro, Paris, Francujo.
88. Azorin Francisko, arĥitekto, Madrid, Hispanujo.
89. Dalmau Delfi, profesoro, Barcelona, Hispanujo.
90. Hendriks, P., instruisto, Leeuwarden, Nederlando.
91. Bugge-Paulsen R., kapitano, Oslo, Norvegujo.
92. Dahl Einar, instruisto, Uddevalla, Svedlando.
93. Jansson Sam, rektoro, Lidingö, Svedlando.
94. Scherer Joseph, jurnalisto, Los Angeles, Usono.
95. Minkow St., profesoro, Sofia, Bulgarujo.
96. Baas P. W., instruisto, Amsterdam O., Nederlando.

*Laŭlanda resumo.* — Anglujo 9, Aŭstrio 1, Belgujo 2, Bulgarujo 1, Ĉeĥoslovakujo 5, Danlando 2, Francujo 12, Hispanujo 2, Hungarujo 4, Italujo 2, Nederlando 10, Norvegujo 1, Polujo 37, Svedujo 5, Svislando 2, Usono 1. Entute aliĝis 96 personoj el 16 landoj.

Tralegu atente niajn Oficialajn Komunikojn N-o 1 kaj 2.
Varsovio, 12.I.1937.

LOKA KONGRESA KOMITATO.

# Oficiala Informilo de UEA : N-ro 4

**1937 Februaro 29-a Jaro**

### Dumvivaj Membroj de UEA

Kun vera plezuro ni povas anonci la aliĝon de kvar novaj Dumvivaj Membroj, pagantaj ĉiu po TRICENT svisajn frankojn. Al la kvar fidemaj samideanoj ni esprimas nian koran dankon.

1. F-ino M. Hinde, Sydney, N.S.W.
2. F-ino G. S. Pentermann, Rotterdam.
3. S-ro M. D. Brakel, Rotterdam.
4. S-ro J. Telling, Ĉefdel. de UEA, R'dam.

*Premioj al frupagintoj.*

Sekve de la malklareco, reginta ĝis plena reaktivigo de la UEA Centro, multaj samideanoj atendis realiĝi, kaj sekve profiti de la premio de frupago. Por bonigi tiun ĉi fakton, la rajto ricevi tion premion estas plilongigata ĝis *31 Marto 1937.*

*Respondkuponoj de UEA.*

Ni memorigas ke la ankoraŭ cirkulantaj respondkuponoj kun dato surpresita 31 Decembro 1935 estas reakceptataj de la C.O. de UEA ĝis 30 Junio 1937. (Vidu informon en la Of. Informilo, n-ro 3, Jan. 1937).

*Subtenantoj* 1937.

La varbopovo de la kategorio de Membro-Subtenantoj (Kotizo 20 Fr. sv.) ne malgrandiĝis. Ni publikigas la unuan liston de 25 Subtenantoj, kiuj bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj.

1. S-ro W. J. Pratt, Monifieth, Angl.
2. S-ro C. Naoumoff, Paris.
3. S-ro José do Reis, Vendas Novas, Port.
4. F-ino Eleen de B. Daly, Bordighera.
5. S-ro W. Brown, Inglewhite, Brit.
6. Generalo Rambousek, České Budejovice, CSR.
7. S-ro C. Rogister, Collonges s. S., Franc.
8. S-ro Paul Bouvier, Genève.
9. S-ro J. M. Baxter, Glasgow, Skot.
10. F-ino A.E.H. v. Vliet, Alppen, Ned.
11. S-ro W. Kunnen, Dordrecht, Ned.
12. S-ro Willemse, Dordrecht, Ned.
13. S-ro G. R. ten Burg, Nijmegen.
14. S-ro J. M. Duinker, Den Burg, Ned.
15. F-ino Francina P. Termaat, Delft.
16. S-ro F. Müller, Cortailldo, Svis.
17. S-ro F. Mourguiart, Bordeaux.
18. F-ino Erie Evans, Bangor, Brit.
19. D-ro Edm. Privat, Locarno.
20. S-ro Hans Jakob, Genève.
21. S-ino Alice Morris, Bruxelles.
22. S-ro M. Miltcheff, Biel-Bienne.
23. Generalo G. Kyffin-Taylor, Birkenhead, Brit.
24. S-ro K. Bruklis, Alsunga, Latvio.
25. S-ro G. de Plançon, Genève.

*Jarlibro* 1937

Ĝia prilaboro aktive progresas. Pro la Jubileo de nia lingvo, tiu ĉi Jarlibro estas dediĉata al tiu ĉi okazajo, pritraktanta interesajn faktojn de nia lingvo kaj movado en la pasinto. Se nenio speciala intervenos kiu prokrastigos la eliron, ĝi aperos dum Majo 1937 kaj estos sendata al ĉiuj Dumvivaj kaj Honoraj Membroj plie al ĉiuj aliaj, membroj pagintaj la kotizon ĝis tiu ĉi tempo.

*PropagandanServo*

La Centra Oficejo prilaboras sisteme ĉion kio restis nefinita pri ŝlosiloj. La armena, manuskripte preta jam de jaroj sed kies presigo malebliĝis parte pro teknikaj, parte pro financaj malhelpoj, nun estas sur bona vojo fine aperi. Estas en preparo tia en bretona lingvo. Aperis ankoraŭ en 1936 je la fino de la jaro la ĉeĥa, (eldono de la Esperanto Asocio en ČSR, Praha 47, prezo 1 Kč) kaj aperis nun la rusa, redaktita de G. Tupicin, Volguntes iela 10, dz. 2. en Riga, Latvio ; prezo 0.15 Fr. ora = 20 centimoj svisaj.) La rusa eldono sumas 10.000 ekz. kaj estas zorge redaktita, klare presita. Personoj kiu korespondis kun UEA aŭ la iama ICK pri ŝlosilo kaj kiuj atendas respondon, volu atentigi nin.

*Bibliografia Servo.*

Ni konstatas, ke dum la transira periodo de UEA pluraj verkoj aperintaj en tiu ĉi tempo, ne estis senditaj al nia servo por recenzo kaj klasigo. Eldonistoj estas petataj sendi siajn eldonaĵojn por recenzo en du ekzempleroj kiel kutime.

*Reklama Servo.*

Itala Ministerio Propaganda dissendis komence de Februaro inviton al partopreno de konkurso por la radio-aŭdantoj de l'Itala Turismo. La invito estas direktata nur al eksterlando la teksto estas regularo pri la konkurso kaj redaktita en kvin lingvoj, inter ili en Esperanto. Personoj nericevintaj la reklamilon povas demandi ĝin kaj ricevi ĝin senpage de nia Reklama Servo. La tekston de l'regularo ni represos en la venonta numero de *Esperanto*.

**Svislando en la neĝo**

estas broŝuro eldonita de la Svisa Turisma Centro en Zürich. Senpage ricevebla de Svisa Esperanto Instituto, Bern, aŭ de la Turisma Servo de UEA, Genève.

# LINGVO KAJ VIVO

## Evoluo de Esperanto

**Kritik-historia skizo de Petro Stojan**

III.

*(sekvo)*

*Rigardo al Blanka Rusujo.* — Se Eŭropo[1] estis predestinita kontinento por kreskigi la blankan rason, en Eŭropo estis predestinita lando, kiu iam radiis kiel fokuso de praa hind-eŭropa kulturo, kaj kiu cent jarcentojn poste ree ekradiis kiel lulilo de nia lingvo. Tiu lando estis Belorusija, Blanka Rusujo. Jam la konturoj de Eŭropo montras ĝin centro. Ĝi estas ĉirkaŭ la geometria punkto, kiun vi trovas per cirkelo sur la karto, se vi serĉas mezon inter Norda Uralo kaj Suda Iberio, inter Skandinavio kaj Kaŭkazo. En la 19-a jarcento tiu regiono estis en Rusa Imperio. Dek lingvoj tie estis uzataj. Ĉiutage — rusa, pola, judgermana, germana, litova, blankrusa. En preĝejo — latina, hebrea, slavona, tri antikvaj erudistaj lingvoj. Fine, la franca en la alta societo, kaj en mezlernejoj. Tio interplektiĝis kun kvar ĉefaj religioj : romkatolika, grekortodoksa, mosea kaj luterana. Najbaraj kaj lokaj registaroj trovis por si tre oportuna tiun mozaikon, kaj eĉ plivariigis ĝin, organizante miskomprenojn kaj disputojn inter malsamaj klasoj. Multe da fanatismo, netoleremo, malsana fiero — estis en ĝi. Unuj havis favoran de regantoj, aliuj konsolis sin je sia dumiljara rito, ceteraj — barbaraj — malamis egale estrojn kaj civilizitojn.

En tiu predestinita lando estis ankaŭ predestinita medio, — judoj — en kiu floris kosmopolitaj kaj internaciaj tendencoj. Iliaj mistikaj doktrinoj devenis el pratempa mesianismo kaj ankoraŭ plie : el mezepoka kabalo. Dissemitaj sur la terglobo, ili estis nature kosmopolita tribo. Malestimataj, ili fieris je sia antikveco kaj revis pri universala spirita regado. Cionista movado ekfloris tiutempe, kaj vokis el obskura geto al la tutmondaj horizontoj. Tamen, parto da judoj, eŭrope instruitaj, estis ekster geto kaj for de cionismo, ili ja fratiĝis kun samnivelaj poloj, germanoj, rusoj, lituvoj sur la bazo de socialismo aŭ de simpla intelektula vivo.

*Rigardo al Blanka Torento.* — Pense vojaĝante tra la Blanka Raso, ni eltrovis la kontinenton, la landon, la medion — plej favoran por la mondlingva apostoleco ; fine ni alvenas al urbo. Tri etnografiaj limoj renkontiĝas : pola, lituva kaj blankrusa. Sur tiu kruc-punkto staras urbo *Belostok*[1], kies nomo signifas laŭvorte : « Blanka Kunfluejo ». Estas rimarkinda koincido de multaj « blankaj » nomoj sur tiu terpeco. Krom la tri antaŭaj, ni vidas ankoraŭ : *Belaja* (« Blanka rivero » sur kiu sidas la urbo Belostok), sude de ĝi — *Belsk* (Blanka urbeto), ankoraŭ 42 km al sudoriento — *Belovej* (Blanka Turo — alia urbeto), kaj fine Bialowicza (Blanka Arbarego), konata en zoologio kiel lasta anguleto kie postvivas eŭropaj zubroj (antikvaj sovaĝaj uroj-bovoj, kiujn mencias Julio Cezaro).

En Belostok naskiĝis Zamenhof, kaj kun li Esperanto.

Ni estis feliĉaj trovi en malnova gazeto « The Esperantist » (Dec. 1904), artikolon de George Henderson, kiu skribis : « Estas iom stranga koincido, ke la patrujo de D-ro Zamenhof estas la naskolando ne nur de la plej nova inter la eŭropaj lingvoj — Esperanto —, sed ankaŭ de la plej antikva, originala, praa lingvo, el kiu ĉiu hodiaŭa lingvo de Eŭropo (krom la baska, hungara, finna kaj turka) estas deveninta... En Polujo oni havis lingvon, por ĉiuj kompreneblan, sed elmigrado kaj miksado kun aliaj rasoj baldaŭ aliformigis ĝin en dialektojn... Tia estas la sorto de tiu fama antikva lingvo de Polujo, la fonto de preskaŭ ĉiuj lingvoj de la Atlanta Oceano ĝis la Bengala Golfo. Sed la historio sin ripetas, kaj Polujo naskigas alian lingvon, kompreneblan por ĉiuj, Esperanton, kiu ankaŭ etendiĝas de Oceano ĝis Oceano » (Henderson ne konis precize ke Belostok apartenas etnografie ne al Polujo, sed al la trilingva limo).

Estis io fatala en tiu fakto, ke Esperanto, provo de hindeŭropa sintezo, naskiĝis en la antikva centro de la hindeŭropa lingvo. Male, estus tute kontraŭnature, se iu, naskita inter arabaj aŭ mongolaj dialektoj, entreprenus krei sintezon de hind-eŭropa lingvaro. La lingvoj estas produktoj de la homoj, kaj la homoj estas produktoj de la tero. Neeviteble do la lingvoj spegulas ĉefajn trajtojn de tiuj landoj, kie ili kreskas. Multaj aŭtoroj, eĉ pli eruditaj ol Zamenhof, antaŭ kaj post la apero de Esperanto, provis krei lingvojn. Sed, estante naskitoj de rand-landoj, periferiaj teritorioj, kun unu uzata lingvo, de landoj tro nordaj aŭ tro sudaj, rilate je la hind-eŭropa centro, ili tion senkonscie respegulis en siaj lingvoj, mortenaskitaj, for de la meza vojo, sen harmonio kaj sen egalpezo. Jen unu lingvoprojekto, abunda je kunpremitaj konsonantoj, raŭkaj, hakigaj, — ĝi spegulas landon de la aŭtoro, plenan je angulecaj rokoj, abruptaj montoj, akraj ŝanĝoj de vetero. Jen alia lingvo, tre mola, tro dolĉa, senosta, ĝi reflektas mildan klimaton, dormeman komforton de la aŭtora hejmlando. Unu simpligas la anglan, ĉar li estas brito. Alia bazas sur latino, sed lia latino estas griza, amorfa, en kiu eĥas holanda lingvo, tute simple ĉar la aŭtoro estas nederlanda katolika pastro. Sed, en meza lando, sur vojkruco de antikvaj dialektoj, en regule varianta vetero, sur la tero kun rondumitaj reliefoj, en Belostok regiono, nur tie povis naskiĝi viro, kies orelo sentis esencajn diferencojn kaj similajojn, harmoniojn kaj malakordojn de la hindeŭropa lingvaro.

*(Daŭrigo sekvos)*

[1] Depost Latham (1852) la hipotezo pri Azia deveno de la blanka raso kaj de la hind-eŭropa lingvo perdis bazon, kaj ne plu estas konsiderata kiel defendebla teorio.

[1] La pola formo estas Bialystok.

# Spegulo de l'Esperantista vivo : Rigardo al gazetaro

## Tra la gazetaro

*Belga Esperantisto*, n-ro 1 (239) en artikolo « Pripensoj ĉe la komenciĝo de la jaro », trafe skizas la evoluon de nia movado, konkludante per jenaj vortoj pri nia agado :

Kaj tio estas la terurajo en ciklopa laboro, kiel la nia. Ni ne vidas finon al ĝi, ĉar ne nur ni devas alvenigi al ni ĉiam pli kaj pli da novuloj, al kiuj ni devas instrui la balbutadon de nia lingvo, sed la plej grava, la plej laciga, la plej malesperiga laboro, estas tiu, konservi tiujn kiuj venis al ni, eble kun tro granda espero en la facileco de Esperanto, kaj kiuj forlasas la kurson, foje jam antaŭ la fino de ĝi, foje tuj post la akiro de diplometo, kiu, post ses monatoj, estos nur ankoraŭ samvalora kiel ĉifono, por la simpla kialo, ke rapide akirita ekkono de la principoj de nia lingvo same rapide forflugas, se, poste, ne plu sekvas efektiva praktikado.

Tial, je tiu ĉi komenciĝo de la jubilea jaro, ni volas instigi ĉiujn niajn propagandistojn, al komuna agado.

Dum la estraro de la Ligo kaj ankaŭ de la grupoj ekklopodos varbi, per taŭga propagando, novajn adeptojn, la individuaj Esperantistoj devus preni sur sin, ĉiu senescepte, revenigi en niajn rangojn, ĉiu almenaŭ unu malnovan amikon, kiu pro kialoj diversaj, forlasis iam la movadon.

Kaj se ĉiuj abonantoj kaj membroj de Reĝa Belga Ligo Esperantista volas ne ripozi, antaŭ ol ili havigis al ni la kotizon de iama membro, sed kiu dum 1936 ne plu repagis sian kotizon, tiam la movado en Belgujo, kun la publikigo regula de nia organo, kun la rimedoj necesaj por la propagando, estos jam certigita.

Neniu povas aserti, ke tio estas tasko tro granda por li. Estas kontraŭe tasko, kiun ĉiu povas efektivigi. Por tio, oni ne devas disponi, nek pri skribnek pri parola talento, eĉ ne koni perfekte nian lingvon.

Do, ke ĉiu pripensu ! Sed ke ĉiu precipe ne forgesu, post la pripensado, ankaŭ ekagi.

Tiam la koraj vortoj, kiujn ni, okaze de la komenciĝo de nova jaro, direktas unu al alia, certe amike, sed ankaŭ samideane, samcelane, ne estos vanaj vortoj.

Kaj tiam la jubilea jaro 1937 iĝos vere glora jaro, en la historio de la movado en nia lando.

Nia devizo do estu : la regrupigo de ĉiuj fortoj ekzistantaj, por ekkomenci, antaŭ la fino de jaro, la definitivan ofensivon, kiu devos antaŭmetigi la aferon en nian parlamenton, kaj konduki nian lingvon en la lernejojn.

* * *

*La Espero*, sveda Esperanto gazeto eniras 25 jaran ekziston.

Plaĉe presita sur luksa papero, la periodaĵo pruvas la fortan pozicion de nia afero en la nordo (ni memoru, ke tion oni dankas al Andreo Cseh kaj al lerta eluzo de lia propagando).

* * *

*Comunicat de Premsa*, nomiĝas multobligita kajero, do komunikoj al la gazetaro. Estas la kataluna registaro (Generalitat de Catalunya) kiu apud naciaj lingvoj uzas ankaŭ la internacian, por sia servo.

Oni povas ricevi la komunikojn skribante al Comissariat de Propaganda, Esperanto-Fako, Avinguda 14 d'Abril 448 bis Barcelona.

* * *

*Uŝe-Eho*, (t.e. Unuigitaj ŝtatoj Eŭropo) organo de l'eŭropanismo daŭrigas sian kuraĝan klopodadon por la kreo de eŭropa spirito. La gazeto, gvidata de Josef Zauner (Str. Alexandri 7, Timisorara I, Rumanujo) aranĝis konkurson inter siaj legantoj pri opinioj « Kiel evoluos la hispana milito ». Meditiga rezulto.

* * *

*Neue Zurcher Zeitung*, n-ro 154, 27 Jan. 1937, informante pri la politika proceso en Moskvo, skribas.. « La hodiaŭa kunsido matena (de l'tribunalo en Moskvo) komencis kun la esplordemandado de l'akuzito Stroilov. Li eldiras, ke okaze de vojaĝo por varbi faklaboristojn en Germanujo, li estis dungita de inĝeniero Wüster, kiu evidentiĝis kiel estro, de la Spion-diversi-agado (?) de germanaj specialistoj en la Sovetunio.

(Ĉu temas pri nia konata samideano, inĝeniero Wüster ?)

* * *

*Popola Fronto* (adreso : Str. Mar 25, Valencia, Hispan.), estas titolita duonmonata gazeto en Esperanto, defendanta la hispanan respublikon, do la registaran vidpunkton. La 3 n-ro Jan. 1937 enhavas artikolojn pri la nunaj okazintaĵoj kaj situacio.

El la dua numero januara ni vidas represon de letero de nuna Generalo Mangada, la konata samideano, pri kies heroa agado oni ofte legis en tagaj gazetoj. Amuza spritaĵo troviĝas en tiu ĉi numero. Temas pri esplordemandado de kaptita soldato. La oficiro kun videbla aspekto germana, cetere ornamita de l'Hakenkreuz, esplorante ordonas : « iru serĉi interpretiston. La kaptito nur parolas hispanlingve».

* * *

*Esperanto-Lernanto, (Tokio)* eniranta sian kvinan jaron, reproduktis sur la unua paĝo de la n-ro 1, 1937 la bildon de plej maljuna samideanino, Sinjorino Tuschinski en Danzig. Sed niaj japanaj samideanoj ne kalkulis kun la tempo, ĉar la tiom honorata sinjorino ne plu interesiĝas pri Esperanto. Ni aŭdis de samideano fidinda, reveninte de Danzig ke S-ino T. aliĝis al la ideoj de l'Naci-socialismo, dirante ke en Adolf Hitler ŝi rekonas personiĝon de Dio.

(Ni tion reproduktas kun ĉia rezervo ! Sed C. O. de UEA konstatas ke sendaĵoj dum 1936 al Honora Membro de UEA S-ino Tuschinski, revenis kun indiko « rifuzita »).

*Neuigkeitswéltblatt* (N-ro 2, 1937) Wien, informis, ke la transporto de la biblioteko de UEA, donacita de la Estraro de tiu ĉi Asocio, estis haltigita « pro interveno de la komunistoj en Ĝenevo ! ! !

Preskaŭ samsence informis polaj gazetoj, dume *Le Temps* de l'25a Januaro informis korekte, ke pro plendo de kelkaj membroj ĉe tribunalo en Genève la intencita fortransporto estis haltigita.

Al demando de kelkaj samideanoj, Sinjoro Hofrat Steiner sendis defendan leteron al UEA Genève, atentigante ke la informo en la Viena gazeto estas ŝuldata al « miskompreno ». Aperis tiurilata korektaĵo.

* * *

*Sennaciulo* (449, Jan. 1937) en ĉefartikolo « *Cirkaŭ la organiza problemo* » parolas ankaŭ pri la organiza konfuzo de la neutrala movado :

« La nuntempa krizo en la neŭtrala E-movado estas nenio alia ol la lukto inter du tendencoj. Dum ni sekvas la diversajn fazojn de la evoluo en la « neŭtrala » movado, dum ni observas la batalon inter du kampoj, unu por la internacieca sistemo (organiza bazo : La Landaj Asocioj) alia por la sennacieca sistemo (la malnova UEA kun la individua membreco), ni estas facile alkondukataj fari paralelon kun la situacio en la laborista E-movado. Tre instrua ŝajnas al ni la ekzemplo de la « neŭtraluloj » ĉar ja ankaŭ ĉe parto de la laborista esperantistaro ekzistas la inklino voli kunfandi du tute kontraŭajn principojn.

* * *

*Ilustrowany Kurjer Codzienny* (Ilustrita Taga Kuriero) pollingva gazeto, aperanta en Krakovo, enhavis en sia n-ro 9 (1937) duonpaĝan artikolon sub titolo « Polska jest Mekka narodow » (Polujo estas la Meko de la Nacioj »), intervjuo de gazetraportisto (So) kun Hans Jakob. Eks-direktoro de UEA, vizitinta Polujon dum Decembro 1936. La artikolo koncize montras la rolon de Polujo en la historio de Esperanto, la partoprenon de Esperantistoj en renaskiĝo de l'pola ŝtato, kaj la signifon de l'Jubilea Kongreso en Varsovio, por la esperantistaro.

* * *

*Libero*, organo de Sanko Esperanto-Grupo (Japan.). N-ro 42, nun ricevita estas entute dediĉita al japana studenta vivo. Dokumentiga, tre zorge kompilita kun multaj grafikoj k tabeloj.

(Mane skribita tre legebla, sur japana rizpapero, pure reproduktita !)

* * *

*Harand-Movado*, Vieno, eldonas dupaĝan gazetforman informilon pri ĝia celo. Tiu ĉi movado estas kreita de Irene Harand kaj celas batali kontraŭ rasa malamo kaj homa mizero. La nuna informilo enhavas la 12 artikolan programon kun aldona klarigo de samideano D-ro Emil Pfeffer en Vieno. — Oni povas ricevi la informilon skribante rekte al : Harand-Movado, Elisabethstrasse 20, Wien I. (Aŭstrio).

# Angulo por humoro kaj ŝerco

## Asparago

DE ANITA.

Asparago estas la dimanĉa infano inter la legomoj. Naskita dum majo. Dorlotita de la frandemuloj. Speciala klaso kaj amata de la amaso samtempe. La asparago havas nur amindajn kvalitojn. Bongustas, bonodoras, satigas, ne dikigas, kaj estas saniga. Por multaj homoj, asparago estas pli multe ol legomo — ĝi estas speco de mondpercepto.

Ekzistas ceremonioj pri asparago, kiel ekzistas ceremonioj pri la teo. Homoj, kiuj prenas la asparagon per la fingroj (plej ekstrema dekstro) havas nur malmultajn rilatojn kun homoj, kiuj manĝas ĝin kun forko kaj tranĉilo (modera centro). Sed nenian kontakton ili havas kun tiuj, kiuj traktas ĝin kun tranĉilo kaj forko (ekstrema maldekstro). Tiuj kiuj uzas prenilojn, staras super la partioj. Ili estas korektaj, sed iel malsimpatiaj.

Ekzistas asparagmanĝantoj, ĉe kiuj « *rulas la kapoj* ». Aliaj vivas « de l'trunko ». Ili traĝuas sinsekve, de la plej alta dolĉeco ĝis la plej suba amareco. Spertaj bongustemuloj scias, ĝis kie ili rajtas iri.

Akraj disputoj okazas inter la anoj de l'asparago kiel tia, kaj tiuj de l'asparago « *kun* ». La veraj amantoj estas nature la unuaj. Ili deziras asparagon, nenion alian ol asparagon, kaj cedas nur rilate je iom da butero, paneroj aŭ iom da kremo.

La aliaj rigardas la asparagon kiel suplementon — al ŝinko, al salmo, al kotleto. Certe estas bravaj, kapablaj homoj inter ili — sed spertuloj pri asparagoj ili ne estas. (Ekzistas ja ankaŭ homoj, kiuj neniam povas eliri solaj kun virino, respektive kun viro. Ĉiam devas lin akompani iu, kiu konfirmas la bonan guston).

Venas — mallonga — tempo, kiam la asparago estas malmultekosta. Sed tio ne malbonigas ĝian bonfamon. Ĉiam restas io eksterordinara, io festena, aminda ĉirkaŭ la ideo — *asparago*. Pro tio oni ankaŭ tiom ŝatas paroli pri ĝi.

Kiu do parolas pri spinaco, pri brasikrapo, pri karoto ? Ĉio entute bonegaj aĵoj. — sed ne temoj !

Ne revenas asparagsezono, dum kiu mi ne mankas pensi je reĝo Edvardo VII. Ĉar estante infanoj, oni klarigis al ni la ideon de « gentleman » laŭ jena maniero :

La ŝaho persa venis vizite al brita reĝo. Dum la solena tagmanĝo oni servis asparagojn. La ŝaho, nekonante tiun ĉi delikataĵon, prenis la unuopajn asparagojn, mordis la kapon kaj ĵetis plej elegante la restaĵon malantaŭ si. Ne sulkigante eĉ la frunton dum momento, sekvis reĝo Edvardo (vidu gentleman) la ekzemplon de sia gasto, kaj la ceteraj kunmanĝantoj faris nature same.

Tiu ĉi plastika bildo de asparagmanĝo inter veraj ĝentilhomoj, restis daŭre en mia memoro. (Pli malfrue oni lernas, ke ne estas ĉiam amuze kaj simple, resti gentleman.) La solaj homoj kiuj kelkfoje ne manĝas asparagojn estas la asparag-kulturistoj ĉar ili preferas ĝin vendi. Aliaj kaŭzoj kontraŭ asparagoj ne ekzistas.

(Trad. BAZELANO).

## SPRITAĴOJ PRI EDZECO

*Sentencoj de Salomono* (Ĉap. 14,1) :

Saĝa virino konstruas sian domon.

Sed malsaĝa detruas ĝin per siaj manoj

*Luther (Tablo-diraĵoj)*

Ne estas pli granda pen' sur ter'

Ke disputema edzino, ver' ver'.

*Filozofo Kant :*

Virino liberiĝas per la edzeco

Viro perdas kontraŭe sian liberecon.

*Goethe :*

Trankvila serioza edzino ĉagreniĝas kun edzo gajema, sed ne la serioza viro kun gajema edzin'.

*Tolstoj :*

Edzeco estas kruciĝo de du linioj, kiuj en la momento de la kruciĝo distanciĝas al kontraŭaj punktoj.

*Papo Siksto V :*

Mi estus preta nomi sanktulinon la virino, kies edzo neniam plendis pri ŝi.

*Araba proverbo :*

Edzeco similas al sieĝita urbo. Tiuj kiuj estas en la urbon ŝatus ĝin forlasi, kaj tiuj ekster ĝi, ŝatus eniri.

*Popola diraĵo :*

Edziĝoj okazas en la ĉielo, pro tio tiom multe da edzoj falas poste el la nuboj.

*Grazia Deledda :*

Inter edzo kaj edzino la vero nur evidentiĝas okaze de disputo.

*Carmen Sylva :*

Se edzo tre amas siajn infanojn, oni povas esti preskaŭ certa, ke lia edzeco ne estas feliĉa.

Fondinto : H. Hodler, † 1920

Redakcio : Tour de l'Ile, Genève,

Red. : Provizora Komitato de U E A

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Hte-Savoie)

Dato : 8 Februaro 1937